Jaro 18-a Februaro 1966 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. POPTIE, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando
Redaktoro: E. BURGLER, Sportstraat 62, Amsterdam-Zuid
Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, No 30.36281

---

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*






# 18-a INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO

**de la 14-a ĝis 20-a de majo 1966-a**

Adreso de L.K.K.:
W. L. van Leeuwen, Stationsplein 25, Amsterdam (G.).
Banko: Algem. Bank Nederland, Damrak 33, Amsterdam.
Konto: 9144889 (je la nomo: „Esperanto Kongreso").
Poŝtĉekkonto: 359290
(je la nomo: W. L. van Leeuwen, Stationsplein 25, A'dam).
Kongresejo: N.V.-Huis, Oudegracht 245, Utrecht.

**Kongreskotizo:**

ĝis 1.4.166 ned.gld. 25.—
post tiu dato ned.gld. 35.—

Por la pensiuloj, edzinoj kaj junuloj malpli ol 19 jaroj la sumoj estas sinsekve ned.gld. 15.— kaj 20.—.

Simpatianto (kiu ne vizitas la kongreson) pagas ned.gld. 5.— (tuj post la kongreso li ricevos la kongresinsignon kaj aliajn kongresaĵojn).

**Limdato: 1.5.1966.**

Por tiuj kiuj aliĝas post tiu dato aŭ alvenas en la kongreso sen antaŭa aliĝo L.K.K. povas akcepti nenion respondecon pri tranoktado en la kongresurbo aŭ/kaj pri la partoprenado en la ekskursoj.

**Loĝado**

Ĉar multaj aliĝintoj deziras tranokton en hotelo de la kategorio D eble jam nun la stoko da litoj en tiu kategorio estas elĉerpita. Ni pritraktas la mendojn laŭ enveninta vicordo. Mi atentigas vin pri la fakto ke la prezoj de ĉiuj hotelkategorioj estas inkluzive la matenmanĝon! (nur la servomono ne estas enkalkulita).

**Ekskursplano**

En ĉiu aŭtobuso iu el niaj nederlandaj gekolegoj ĉeestos por la gvidado. Speciale por plifaciligi ilian taskon ni verkigis gvidilon pri ĉiu ekskurso por ke ili mem estu bone informitaj.

La tagmanĝo dum la duontaga ekskurso je ĵaŭdo (ĉielirtago) ne okazos en Harderwijk sed en alia fiŝkaptisturbo nome Elburg. Ni tamen vizitos Harderwijk sed montriĝis ke la restoracio ne disponas pri sufiĉe granda manĝejo por nia tuta grupo. En Elburg ni trovis tute novan restoracion taŭgan por nia celo.

La plej granda parto el la aliĝintoj, ĝis nun, samtempe aliĝis por la tuttaga ekskurso. Espereble multaj ankoraŭ sekvos ĉar la solena fermo de nia kongreso dum nia restado sur la ŝipo devos fariĝi sukceso.

La ŝipveturado estas unika kaj la vizito al la konstru-puto estas vere ebleco ĉar jam kelkajn monatojn poste la artefarita insulo estos inundita kaj ĝi estos malaperinta.

Anonco dum la kongreso eblas nur se restas ankoraŭ lokoj.

L.K.K.

---

Sur la titolpaĝo:

*Elektra lokomotivo el la serio CoCo 1300 (Alsthorn). La lokomotivestro estas nia samideano W. F. Hoogendijk el Haarlem. La dua lokomotivo estas el la serio 1-A-Bo-A-1 1000.*

# KONGRESPROPONOJ

**De la IFEF-Estraro:**

1. La kotizo restu sama.

**De la Pola Ferv. Esp. Fed.:**

2. Laŭ praktigita sistemo de aliaj organizaĵoj, ekz. de UEA ankaŭ IFEF ebligu la aliĝon de dumvivaj membroj. La kotizpago egalu la kotizon por 10 jaroj (plivastigo de la 8-a art. de IFFF-Statuto);
3. IFEF eldonu membrokartojn por IFEF-membroj.
   *Komento:* Pro sendo de neoficialaj invitiloj kun nur esperanta adreso nekonata al la poŝto en loka kongresa urbo aŭ en formo de paperslipoj sen stampo aŭ firmo, k.s. al la komitatanoj kaj partoprenantoj en la IFEF-kongresoj, kiuj invitleteroj tute ne taŭgas por la koncernaj pasportoficejoj kaj prokrastigas la akiron de vojaĝdokumentoj kaj eĉ malebligis la partoprenon en brusela kaj hamara kongresoj;
4. Kompetentuloj ellaboru novan kongresregularon en kiu krom gravaj kongresaj aferoj estu precizigita la formala formo de invitiloj por sekcioj en orientaj landoj;
5. La aĝo de la „gejunuloj" atingas 30 aŭ pli da jaroj — la limaĝo estu difinita: Al la junulara grupo povas aparteni gejunuloj ĝis 28 jaroj; post atingo de tiu aĝo la gejunuloj iĝas ordinaraj membroj de IFEF (komparu art. 13 de la Statuto);
6. La oficianta L.K.K. zorgu pri alsendo de 2 ekz. de la kongreslibro al ĉiuj landaj asocioj por bibliotekoj kaj propaganda celo. Tiu kongreslibro estu sendata ankaŭ al ĉiuj sin anoncintaj kongresanoj, kiuj estas malhelpitaj partopreni la kongreson;
7. koncernas ŝanĝon de la slogano en LIF sur la fronta paĝo: LA RELOJ LIGAS LA LANDOJN, ESPERANTO LA POPOLOJN en LA RELOJ LIGAS LANDOJN, ESPERANTO POPOLOJN, kio laŭ la gramatika regulo pri uzo de la difina artikolo estas pli korekta.

**De la Statuta Komisiono:**

8. Art. 19, dua alineo de la IFEF-statuto estu jene ŝanĝata:
   Demisioj aŭ neakceptoj de reelekto devas anoncataj ĝis la 31-a de oktobro al la prezidanto.
   *Komento:* La komisiono por statuto kaj regularoj unuanime konsilas, pri tiu pli frua limdato, por ebligi konvenan publikigon kaj serĉadon de kandidatoj ĝis la kongresa kunsido.

**De S.A.E.F.**

9. IFEF decidu fariĝi „Aliĝinta faka asocio de Universala Esperanto Asocio UEA".
   *Komento:* Konforme al la devizo de UEA, „Unueco estas forto", ĝia statuto ebligas la partoprenon en kunlaboro de ĉiuj landaj kaj neŭtralaj fakaj asocioj kaj federacioj. Apenaŭ estas nesese emfazi la grandan valoron de tia kunlaboro, kiu ne sole kontribuas al la solidareco de la Esperanto-movado ĝenerale, sed helpas kunordigi la individuajn laborojn, de fakuloj tra la tuta mondo, kaj ankaŭ la disvastigon de fakaj konoj por la internacia organizaĵo. Ĉiu sukceso atingita de UEA helpas kaj faciligas la agadon de la fakaj organizaĵoj, same reciproke. Celkonscia kunagado kaj reciproka interkonsilado nur estas avantaĝoj por la movado ĝenerale.
   IFEF en 1953 akceptis „kontrakton pri kunlaboro kun UEA". La nun matura aliĝo kiel faka asocio estas la normala evoluiĝo kiu kondukos en plena sendependeco al pli intensa kunlaboro.
   La nova statuto de IFEF rajtigas la komitaton kontrakti pri kunlaboro kun esperantistaj kaj aliaj organizaĵoj sur neŭtrala bazo. La kotizo por tia aliĝo al UEA, gld. 50.— pojare estas por nia kaso respondecebla.

★

**TAGORDO**
**DE LA JUNULARA KUNVENO**

1. Malfermo.
2. Raporto pri la agado de la IFEF-Junularo (D-ro I. Ferenczy).
3. Alparoloj de la landaj junularaj reprezentantoj.
4. Distra progamo (skeĉetoj, kantoj).
5. Fermo de la Junulara Kunveno.

**PLENKUNSIDO**

1. Malfermo.
2. Ricevitaj telegramoj kaj salutoj.
3. Kongresraporto 1965 en Hamar.
4. Jarraporto vicprezidanto, sekretario kaj kasisto.
5. Pritrakto de la budĝeto.
6. Raporto de la fakaj komisionoj.
7. Aprobo de la ĝenerala regularo.
8. Aprobo de la kongresa regularo.
9. Kongresproponoj.
10. Elekto de la estraro.
11. Elekto de revizoro kaj de vicrevizoro.
12. Elekto de kongresurbo 1967 kaj provizora por 1968.
13. Laborplano 1966.
14. Libera diskutado.
15. Resumo kaj fermo.

---

**TAGORDO POR LA KUNSIDO DE LA FAKPRELEGA KOMISIONO**

1. Antaŭpritrakto de detaloj pri la fakprelego en Utrecht.
2. Ĉu la fervojistaj kunvenoj en Universalaj Kongresoj estas plibonigeblaj helpe de fakprelegoj? (Interesuloj kore invitataj al tiu kunveno).

Giessner

**KUNSIDO ESTRARO-KOMITATO**

1. Malfermo.
2. Ekzameno de la mandatoj.
3. Resumo de la raportoj de la landaj asocioj.
4. Elekto de 2 kromkomitatanoj junularaj.
5. Raporto pri la komitata laboro.
6. Referendumo pri LIF.
7. Aprobo de nova ĝenerala regularo.
8. Aprobo de nova kongresa regularo.
9. Diskutado pri raportoj de vicprez., sekretario kaj kasisto.
10. Pritrakto de la budĝeto.
11. Pritrakto de la agado de IFEF.
12. Diskutado pri la kongresproponoj.
13. Internacia prezentado de fervojistaj uniformoj en la 19-a IFEF-kongreso.
14. Libera diskutado.
15. Fermo.

---

**Glumarkoj**

Vi povas ankoraŭ mendi glumarkojn ĉe la sekretario de L.K.K. La prezo estas po ned.gld. 0.50 por bloko kiu enhavas 25 ekzemplerojn.

## LISTO de la komitatanoj

| | |
|---|---|
| *Aŭstrio:* | Karl Vavra, St. Margarethensiedlung 43, Knittelfeld. |
| | Ing. Wilhelm Hermann, Zehetbauerg 4/6/III/10, Wien XI. |
| *Belgio:* | De Bruyne, Leo, Station Linkebeek, Linkebeek. |
| *Britio:* | H. Barks, 18 Milgreen Ave, Sneyd Green, Stoke-on-Trent. |
| *Bulgario:* | Georgi Dolapĉiev, Bul. Klement Gottwald 54, Sofio. |
| *Ĉeĥoslovakio:* | Bohumil Král, Ministerio por Trafiko, Příkopy 33, Praha 1. |
| *Danlando:* | N. A. Antonsen, Vestre Kongevej 81, Viby J. |
| *Finnlando:* | N. G. Narvala, Untamontie 8 A 8, Helsinki. |
| *Francio:* | F-ino Germaine Lemonnier, 17, Rue Emile Agier, Asnières (Seine). |
| | Robert Coyac, 7, Rue Hoche, Sartrouville (Sne & Oise). |
| *Germanio:* | Joachim Giessner, Bahnhof, 321 Elze (Hann). |
| | S-ino Elfriede Kruse, Schweizerstr. 104, Frankfurt a./M. |
| | Willi Barnickel, Tirolerstrasse 2, Frankfurt a./M. |
| | Gernot Ritterspach, Berlinerallee 1, 6070 Langen (Hessen). |
| *Hispanio:* | Tomas Ortiz Garcia, „Esperanto" Collado Mediano, Madrid. |
| *Hungario:* | Ŝtefano Bácskai, Árpád F.u. 28/A, Budapest XVII Rákoshegy. |
| *Italio:* | Germano Gimelli, Via Donato Creti 61, Bologna. |
| *Jugoslavio:* | Sredič Gvozden, Poŝtfako 563, Beograd. |
| *Nederlando:* | J. J. Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht (ĉefkomitatano). |
| *Norvegio:* | Per Johan Krogstie, Löten. |
| *Pollando:* | Erazm Nawrowski, ul. Hetmanka 20, Gdynia. |
| *Svedio:* | Rune Palmgren, Persikogatan 32-III, Vällingby-Stockholm. |
| *Svisio:* | Kurt Greutert, Via Lugano, 6512 Giubiasco (Ti). |
| *Aŭstralio:* | Mankas. |

# Jarraporto de la sekretario pri la jaro 1965

Agrabla estas la tasko, kiam sekretario povas prezenti al la membraro jarraporton, kiu klare montras progresojn pro la pligrandiĝanta interna forto de nia movado. La malgrandaj progresoj en la pasinta jaro ankaŭ por ni ja ekzistas, kiel bona sukceso por la fervojista esperantistaro. Ni montru ekzemple al la fakto, ke dum nia brila kongreso en Hamar aliĝis al nia federacio kiel 19-a landa asocio, la ĉeĥa Esperanto-Rondeto kun 60 membroj. En la sama lando komenciĝis en la fervojaj centroj kursoj por komencantoj, kiuj kun entuziasmo laboras por nia idealo. Ankaŭ el aliaj landoj atingas nin la samaj sonoj; niaj diligentaj kolegoj stimulas la gejunulojn anigi sin al niaj vicoj. En nia mezo la junulara grupo sub la instiga gvidado de d-ro Imre Ferenczy estis aktiva, ne nur dum nia kongreso en majo, sed ankaŭ dum la vintra skisemajno en la aŭstriaj montoj. Dum la pasinta jaro la kresko de nia anaro estis modesta; tamen ĝi estas kresko. Ni estu kontentaj, sed krome ekstreme singardaj koncerne la ciferojn en tiu ĉi raporto, por ke oni ne prenu eraran konkludon pri la esperiga evoluado de IFEF. La jarraporto donas ĝenerale koncizan superrigardon pri la farita laboro, mencias la progresojn aŭ kelkfoje la regresojn. Ĝi ankaŭ estu stimulo por ni ĉiuj al novaj iniciatoj por rikolti abundajn fruktojn.

Mi jam menciis la belan kongreson en la ĉarma urbeto Hamar, kie sub brila suno kaj en bona sfero kunvenis 400 kongresanoj el 18 landoj por esprimi siajn opiniojn en kunsidoj, interŝanĝi fakajn spertojn dum la ekskursoj kaj por sin amuzi en distraj vesperoj. Ni aŭdis tre bonan fakprelegon. Dum la ekskurso en Elverum la urbestro inaŭguris novan Esperanto-straton. En kunsido la finprojekto por nia nova statuto estis akceptita. Komisiono sub la gvidado de nia vicprezidanto fervore laboris multan tempon por havi brilan finrezultaton. En Bulgario aperis nun ankaŭ nia lingvo en la horaro. Ĝi estas nova stimulo por la kolegoj en la landoj, kie ĝis nun ne aperis la esperantaj tekstoj en la horaroj. Kun ĝojo ni ricevis dum la kongreso en Hamar la novaĵon, ke eminenta esperantisto en Eŭropo, nia samideano Franz Jonas elektiĝis kiel prezidanto de Aŭstrio. En la sama lando, en Linz, estis en la monato julio inaŭgurita Esperanto-Monumento. En la preparaj laboroj nia konata kaj diligenta kolego Johano Geroldinger havis grandan parton.

En la komenco mi menciis la viglan vivon, kiu ekzistas en fervojaj centroj kaj riparejoj. Ne nur por komencantoj, sed ankaŭ por progresantoj niaj kolegoj instruas la lingvon kaj ĝian ideon. En Ĉeĥoslovakio, en Prago ekzemple nia fervora kolego Bohumil Král gvidas kursojn por preskaŭ 80 fervojistoj. En tri aliaj fervojaj stacioj funkcias ankaŭ kursoj, kiuj estas multe vizitataj. Pro tio ne estas mirinde, ke en tiu ĉi lando la fervojista esperantista anaro kreskis de 260 personoj en majo 1965 ĝis al 520 en decembro 1965. En Italio la Postlaboreja Fervojista Klubo — organizo de la Itala Ŝtata Fervojo — eldonis afiŝon kun anonco pri Esperanto-kursoj. Dum la Nacia Kongreso de Esperanto en Rimini la Vic-Ministro dum sia parolado i.a. diris, ke Esperanto devus esti la lingvo por la italaj fervojistoj, kiuj havas ĉiutage renkontojn kun eksterlandanoj. Mi esperas, ke post tiuj instigaj vortoj ni gajnos denove membrojn en IFAE, kiu malrapide, sed konstante kreskas. En Svislando SAEF festis sian 40-jaran ekzistadon. Dum la ĝenerala kunveno en Solothurn niaj svisaj kolegoj kaptis la okazon por aranĝi pli vastan informadon kaj propagandadon de la internacia lingvo inter la fervojistaj sindikatoj kaj fervojaj instancoj en formo de propagandaj ondoj. Ili eldonis tiucele en tri lingvoj 5 diversspecajn flugfoliojn en miloj da ekzempleroj. Krome 28 artikoloj pri nia lingvo estis publikigataj en la fervojistaj kaj sindikataj gazetoj. Okazis 70-minuta prelego kun diapozitivoj pri la Svisa Trafik-Domo en Luzern, kiu ĵus eldonis belan flugfolion, ankaŭ esperantlingve. Nia svisa asocio kun sukceso aranĝis ĉijare la 7-an Eŭropan Feriosemajnon en Caslano. En Romanshorn okazis la 3-landa renkontiĝo, en kiu partoprenis 116 samideanoj.

I.a. oni aranĝis ekspozicion de Esperanto-libroj kaj inaŭguron de Esperantoweg. Nia prezidanto ĉeestis la aranĝon. Ankaŭ al niaj jugoslaviaj kolegoj nia prezidanto, s-ro De Jong, vojaĝis por plifortigi la rilatojn kun fervojaj instancoj tie.

Memorinda estas ankaŭ la fakto, ke nia

energia, vigle laboranta amiko Hjalmar Olsson el Stockholm en 1965 festis sian 75-an naskiĝtagan datrevenon. Li multe laboras por Esperanto. Grandega estis lia laboro por nia kongreso en 1956 en Stockholmo.
Post tiuj resumaj agadoj kaj faktoj ni turnas niajn pensojn al la kolegoj, kiujn ni perdis en la pasinta jaro. Unue mi pensas al nia diligenta kaj ŝatata redaktoro, Daan Burgler, kiu tre subite estis eltirata el nia mezo.
En Germanio mortis Michel Bauer, en Hispanio ni perdis la junan kolegon Aparicio Ybanes, en Italio D-ron Inĝ. Otello Nanni kaj Amadeon Ferri, en Svislando mortis nia 76-jaraĝa kolego Hans Stirnimann. Sincere ni memorigu iliajn meritojn por nia federacio. Ili ripozu en paco.

### La membronombro

En la plej multaj asocioj la membronombroj ne multe ŝanĝiĝis. Mi devas aldoni, ke ekzistas asocioj de kies sekretario mi aŭdis dum du jaroj nenion pri nombro de membroj. En tiu kazo mi kompreneble daŭrigas per la ekzistanta nombro post interkonsiliĝo kun la kasisto. El la superrigardo vi povos vidi, ke la brita, la hispana, la nederlanda kaj la svisa asocioj iom regresis.
Cetere ni ankaŭ havas progresojn; la dana kaj la itala asocioj gajnis membrojn. Plue ni bonvenigas novan asocion en nia suba listo, nome la ĉeĥan rondon. Entute IFEF havis je la fino de la jaro 1965 2542 membrojn:

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstralio | 13 | (13) |
| Aŭstrio | 236 | (236) |
| Belgio | 36 | (36) |
| Britio | 34 | (50) |
| Bulgario | 100 | (100) |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | (—) |
| Danlando | 90 | (87) |
| Finnlando | 48 | (48) |
| Francio | 303 | (303) |
| Germanio | 628 | (628) |
| Hispanio | 171 | (177) |
| Hungario | 150 | (150) |
| Italio | 111 | (107) |
| Jugoslavio | 95 | (95) |
| Nederlando | 118 | (121) |
| Norvegio | 55 | (56) |
| Pollando | 25 | (25) |
| Svedio | 153 | (153) |
| Svisio | 94 | (106) |
| Izolaj membroj | 22 | (22) |

Parenteze estas menciitaj la nombroj de la antaŭa jaro. La nombro de aliĝintaj asocioj estas nun 19.

### La rilatoj kaj la administracio

Kiel ĉiam la kontaktoj kaj la rilatoj kun niaj asocioj estas bonaj, same kun la aliaj Esperantaj organizoj. Por la venonta kongreso la estraro jam havis priparoladon kun la L.K.K. Ni havis bonan kontakton kun la I.T.F., kaj ankaŭ la rilatoj kun FISAIC restas bonaj.
En la pasinta jaro mi ricevis 205 leterojn kaj mi forsendis 82 poŝtajojn.

### La agado de la estraro

La IFEF-estraro kunvenis ĉiumonate, plej ofte en la hejmo de la prezidanto por pritrakti necesajn aferojn. Kiel konsilanto ofte ĉeestis ankaŭ kolego Lok.

Ĉefaj diskutpunktoj estis:

* la enhavo kaj aperdato de LIF;
* la problemo de la forsendo de la ŝildoj kun kongresemblemoj;
* la plendo de la 2a prezidanto pri nesufiĉa informado;
* ebleco por kotizopago por Ĉeĥoslovakio;
* la respondo de FISAIC al nia letero pri liberaj biletoj eksterlanden por niaj aktivuloj;
* la apero de 2000 fervojaj terminoj (GEFA);
* kotizpago de Pollando kaj Aŭstrio;
* sendado de LIF al komitatanoj;
* kunmeto de tagordoj por la kongresaj kunvenoj;
* esploro de envenintaj kongresproponoj;
* eksiĝo de la kasisto (decido jam reprenita).

En kelkaj kunvenoj ĉeestis ankaŭ la ĉefkomitatano, por konservi la kontakton IFEF-estraro-Komitato.
Kun li ni pritraktis la eblecon aranĝi ekspozicion dum la 18-a kongreso, la demandaron por LIF, la dissendon de cirkuleroj al komitatanoj kaj eventualan ŝanĝon de la FERN-statuto favore al nia redaktorino.
Iafoje li estis invitata kiel prezidanto de L.K.K. kune kun ties sekretario por pritrakti kongresajn aferojn.
Cetere vidu por la laboroj de la 2-a prezidanto, sekretario kaj kasisto la raportojn en tiu ĉi numero.

**La prezidanto** gvidis la ĉiumonatajn kunvenojn, skribis multajn dankleterojn al kunlaborantoj de la 17-a kongreso, al la Ministerio de Trafiko en Praha, stimulajn leterojn al Bohumil Král, leteron al FISAIC por peti liberajn biletojn fa-

# Raporto de la IFEF-vicprezidanto 1965

**Statuto-Regularoj.**

La plej tempopostula okupo fariĝis la leĝofara tasko. Post kiam dum januaro la komisiono interkonsentis pri statutprojekto, ĝi estis prezentita al la komitatanoj kaj ties ŝanĝproponoj ree diskutitaj en la komisiono. Dum la kongreso en Hamar la komisiona finprojekto preskaŭ senŝanĝe akceptiĝis.
Tuj komenciĝis la laboro por ĝenerala kaj kongresa regularoj. La komisiono diskutis kaj kompletigis la unuan skizon, elfajlis la rezultan projekton kaj pretigos ĝin por la komitatanoj.

**Abstinenca fervojista asocio.**

Ni ne sukcesis konvinki la estraron de tiu movado akcepti la internacian lingvon por siaj translimaj rilatoj. Kvankam la estraro konfesas, ke estus dezirinde havi rimedon por krei kontakton inter la kongresanoj, ĝi opinias ke ĝi mem ne bezonas tion kaj kontentiĝas per la germana lingvo. Nia finna membro, kolego Matti Voltti, la iniciinto de tiu agado, daŭrigas la klopodojn de la membrara flanko kaj sukcesis kolekti la esperantistojn, kiuj apartenas al la abstinenca movado. Tiel li jam kolektis 120 adresojn el 24 landoj.

**Rilatoj kun ITF.**

Letere ni gardis bonan kontakton kun la internacia transportlaborista sindikato en Londono. Estis verkitaj tri artikoloj, pri nia movado, kiujn ITF tradukis kaj aperigis en siaj kvin diverslingvaj bultenoj al la fervojistsindikata gazetaro. La artikoloj temis pri la IFEF-kongresoj ĝenerale, la dua pri la kongreso en Hamar kaj la tria pri fakaj prelegoj en kadro de la IFEF-kongresoj. ITF ricevas nian LIF kaj siaflanke liveras al ni siajn bultenojn en angla kaj germana lingvoj.

**Rilatoj kun UEA.**

La asocio daŭre informas nin percirkulere pri sia agado, ĉar kontrakto pri kunlaboro ja ligas nin. Ni verkis jarraporton por la jarlibro 1965, kia mankis dum la lastaj jaroj. En la jarlibro 1965 unua parto aperis modifita artikolo pri nia federacio kun aktuala adresaro de niaj landaj asocioj. Same por la jarlibro 1966 la ŝanĝoj estis sciigitaj.

**Kongresoj.**

Laŭstatuta kunlaboro inter LKK Utrecht kaj la vicprezidanto ne ekzistas. Kun LKK kongreso Fulda estas kontakto kiu promesas bonan kunlaboron. O. Walder

*Ekspozicio en H. Brod: Internaciaj fakrevuoj*



## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1965a

| | | | |
|---|---|---|---|
| Landaj kotizoj 1964a | f 319,— | Preskostoj L.I.F. | f 3693,72 |
| Landaj kotizoj 1965a | f 5095,99 | Afrankkostoj L.I.F. | f 527,55 |
| Landaj kotizoj 1966a | f 93,75 | Afrank., telefonkostoj estraro | f 150,13 |
| Donacoj (por starigi Ĉeĥoslovakio) | f 150,— | Estrarkunvenoj | f 34,03 |
| Adoptitaj anoj | f 19,— | Vojaĝ- kaj reprezentkostoj | f 222,21 |
| Simpatiantoj | f 55,81 | Bankkostoj | f 4,05 |
| Rentumo | f 126,42 | Kontorbezonaĵoj | f 493,25 |
| Gramofondiskoj | f 30,47 | U.E.A. kaj S.A.T. | f 30,— |
| Glumarkoj, respondkupono | f 11,07 | Donaco | f 50,— |
| | | Diversaĵoj | f 39,94 |
| | | Repago tro multe pagita kotizo | f 150,— |
| | | Surpluso | f 506,63 |
| | f 5901,51 | | f 5901,51 |

## BILANCO DE I.F.E.F. JE LA 31a DE DECEMBRO 1965a

| | | |
|---|---|---|
| Kapitalo 1-1-1965a | f 4299,26 | |
| Surpluso 1965a | f 506,63 | |
| Bankkonto: 30.36281 Alg. Bank Nederland | | f 1652,29 |
| Spaarbank Stad Amsterdam | | f 3153,60 |
| Pagendaj kotizoj: | | |
| a. asociaj | | f 1177,35 |
| b. adoptitaj anoj | | f 5,— |
| c. izolaj membroj | | f 53,50 |
| Skribmaŝinoj | | f 291,— |
| Glumarkoj | | f 17,70 |
| Gramofondiskoj kaj aliaj havaĵoj | | f 60,— |
| | | f 6410,44 |

La kasisto: E. R. Oosterwijk

Ni kontrolis la financlibron je la 20-a de januaro 1966-a kaj trovis ĉion en bona ordo. Bedaŭrinde pro neantaŭviditaj aferoj s-ro Vermaak ne povis ĉeesti la oficialan kaskontroladon.

H. Bekker
J. A. Hardeveld

---

*(daŭrigo de p. 18)*

vore al niaj aktivuloj, leterojn pri kotizaj aferoj al Pollando kaj Aŭstrio.
Krom tio li vojaĝis al Jugoslavio, kie la landa estraro aranĝis kontaktojn kun fervojaj instancoj, al Romanshorn por partopreni la inaŭguron de „Esperanto-weg" kaj al Stoke-on-Trent por la jarkunveno kaj por partopreni la inaŭguron de la restoracio „The Green Star".
Bedaŭrinde li devis rezigni pri la intenco partopreni la inaŭguron de la Esperanto-Monumento en Linz, kaj la jarkunvenojn de FFEA kaj GEFA. Cetere li verkis diversajn artikolojn por LIF kaj ampleksan artikolon por La Praktiko.
Ĉe la fino de tiu ĉi raporto mi esprimas la deziron, ke la partoprenontoj al nia 18-a kongreso prezentu sian kritikon al alies laboro en formo konstrua, por ke ankaŭ nia 18-a pasu en plej bona harmonio.

La sekretario, J. Poptie.

# La reklamo en la servo de la fervojtrafiko

Abunde fluas nuntempe la riverego de varoj kaj servoj; tiel riĉe, ke en la moderna gvidado de entreprenoj la vendoproblemo fariĝis la ĉefa.
De kelkaj jaroj estas atentata en la ekonomia planado pli kaj pli la tendenco akceli la vendadon. En Usono altiĝis inter 1950 ĝis 1964 la reklamelspezoj je 145%, dum la socialprodukto kreskis en la sama periodo nur je 119%. Ekde la dua mondmilito la metodoj de la reklamado evoluis kiel branĉo, kiu portas kvazaŭ sciencajn trajtojn.
Sur la tereno de la trafiko la konkurso ŝanĝiĝis rapide dum la lasta tempo. Longtempe la konkurso apenaŭ tuŝis la fervojojn. Nuntempe ili staras kiel aliaj entreprenoj antaŭ multspecaj problemoj de la merkato.
Fakte tiuj problemoj jam ekzistis en la monopolperiodo de la fervojoj, sed ili prezentis sin en pli simplaj formoj. En la pasaĝertrafiko temis gajni la amason por la turismo, dum en la vartrafiko la aktiveco konsistis pli multe en tio subteni kaj informi la klientojn ol altiri ilin al la relvojo.
La evoluinta ekonomio markita per la altigita trafikbezono kaj la ekzisto de du novaj transportiloj, aŭtomobilo kaj aviadilo, poste akiris pligrandigitan gravecon kaj dinamikon al la klopodoj por stimuli la fervojtrafikon.
Nuntempe la eŭropaj fervojoj povas konservi laŭkvante sian atingitan staton sur la tereno de la pasaĝertrafiko, dum en la vartrafiko ankoraŭ ekzistas eta tendenco supren. Sed ekde la milito la tarifoj ne tute akomodiĝis al la kreskintaj kostoj. Krome estas evidente, ke la fervojoj nenie donas profiton.
Do, kiuj ŝancoj ekzistas por la fervojoj en la venontaj jaroj?
Kontraŭ al la entute stagnanta situacio de la fervojoj duobliĝis aŭ triobliĝis dum la lastaj kvin jaroj la pasaĝertrafiko de la plej multaj eŭropaj flugkompanioj. La transportoj per kamionoj atingis pligrandigon, kiu estas apenaŭ mezurebla, sed certe granda.
Se tiu tendenco daŭrus, la du novaj transportiloj verŝajne ne plu limigus sin postuli la naturan alkreskon de la tuta trafiko por si mem. Finfine ili okupiĝus ankaŭ pri tiu kvoto de la merkato, kiu hodiaŭ ankoraŭ interesiĝas pri la fervojo.
La fervojo sekve staras antaŭ urĝa problemo, kiu en baldaŭa estonteco estos pli aktuala. Kaj tiu problemo estas treege ampleksa, ĉar la fervojoj ja estas submetitaj al rigoraj limigoj. La rimedoj pri kiuj la fervojoj senĝene disponas, por akceli la trafikon, prezentas sin en malpli larĝa kadro ol tiuj de la konkurencaj transportiloj.
Unuavice la fervojaj entreprenoj nuntempe obeas politikon de komerco, t.e. ili celas konformigi siajn ofertojn al la deziroj de la klientaro. En la postmilita periodo estas enkondukitaj multnombraj profitdonaj novaĵoj. Oni memoru nur pri la kuŝvagonoj kaj la multnombro de specialaj varvagontipoj. Krome estas kreitaj kelkaj novaj transportkontraktkombinaĵoj, el kiuj elstaras la t.n. „Eurailpass". Ne forgesindaj estas la kunlaboro kun la vojaĝagentejoj sur la bazo de procentaĵo, la kontraktoj kun organizantoj de karavanaj vojaĝoj kaj la interkonsentoj kun aliaj transportentreprenoj pri la eldono de kombinitaj biletoj ktp.
Sed la plej evidenta rimedo por akceli la vendadon de transportservoj certe estas la propagando en siaj diversaj formoj, t.e. politiko de koraj interligoj kaj personaj kontaktoj kun la klientaro kaj antaŭ ĉio la reklamo, la necesa armilo por ĉiu, kiu staras en la komerca konkurso.
Kiel rezultis el multnombraj esploroj de merkato kaj ekonomio, kontribuis al la sukceso de la aviado ankaŭ psikologiaj faktoroj kiel modo, gusto kaj certa malkonscia intereso pri la novo. Krome estas influata la elekto de la publiko ne malofte per komparoj, kiuj bazas sin sur malsufiĉaj informoj.
Por atingi ekvilibron en la konkurso kaj por informi la publikon pri la multnombro de siaj servoj, la fervojo koncentras sian reklamadon al du ĉefceloj: unuflanke ĝi volas konservi eble plej viva sian bildon ĉe la publiko, kiu estas puŝata konstante de novaj ideoj; aliflanke ĝi volas atentigi sur tiu fono siajn specialajn servojn, pri kiuj la publiko precipe ŝatas ampleksajn informojn.
Ambaŭ servoj de la fervojo, la porpaŝagera kaj vara trafikoj, kiel ege diferencas, ke ili necesigas malsamajn reklammetodojn. La servadvendejoj funkcias diversmaniere. En la pasaĝertrafiko laboras multnombraj perantoj, ekz. la

vojaĝagentejoj, kiuj en Eŭropo vendas biletojn ĝis 80%. En la vartrafiko la transportilo estas elektata nur racie; la faktoro „simpatio" ludas tie, kontraŭe al la pasaĝertrafiko, praktike neniun rolon. La bezono estas forte koncentrita; ĝian kernon formas relative malgranda nombro de grandentreprenoj.
La tekniko de la varbado varias en ambaŭ terenoj. Por flegi la ligojn kun la vastskala kaj facile influebla klientaro de la pasaĝertrafiko, kiu ofte aĉetas la servojn per agentejoj, kiuj kunlaboras ankaŭ kun aliaj transportentreprenoj, plej bone taŭgas la reklamo. En tiu tereno la fervojo laboras en la varbado kun aliaj organizaĵoj, kiuj okupiĝas profesie pri la akcelo de la turismo. En la vartrafiko estas flegataj, krom la reklamo, precipe personaj kontaktoj kun la estroj de la entreprenoj; en tiuj renkontoj povas esti traktataj kaj solvataj la ofte komplikaj transportproblemoj de ambaŭ flankoj celantaj profitdonan kunlaboron.
Kiel jam demonstrite, la varbado de la fervojoj ĉefe okupiĝas pri la specialaj servoj. La reklamo por tiuj servoj estas farata kaj de la unuopaj fervojoj por si kaj ankaŭ de la fervojaj unioj, kiuj unuiĝis antaŭ longa tempo por la propagando en la internacia trafiko.
Menciindaj tiurilate estas la publikaĵoj pri la TEE- kaj TEEM-trajnoj, krome la reklamo pri vojaĝoj en lit- kaj kuŝvagonoj kaj pri la transporto de aŭtomobiloj en trajnoj.
La fervojoj eluzas ĉiuspecajn varbmetodojn: faldprospektojn, afiŝojn, gazetanoncojn, filmon, televidon ktp.
La elekto de la varbinstrumento okazas ĉiam surbaze de ekonomiaj pripensoj pri la celata sukceso. En tiuj konsideroj estas inkluzivataj diversaj faktoroj ekz. la amplekso de la adresotoj, la kapableco de la reklamilo peri la koncernan specialan reklamon kaj enmemorigi ĝin ĉe la publiko por certa tempodaŭro, kaj fine ankaŭ la kostoj de la produktita reklamilo mem.
La varbado de la eŭropaj fervojoj ŝuldas siajn sukcesojn ne malofte al la esploroj de la merkato. En certaj kazoj la rezultatoj ankaŭ estas eluzataj por eltrovi kaj taksi la intereson de la publiko pri la reklamo. De grupo da pli ol 4000 usonaj turistoj, kiuj informcele estis demanditaj en la jaro 1963 en Eŭropo, 30% el la demanditoj deklaris, ke la decido pri ilia vojaĝprogramo estis influita pli malpli per la reklamo.
Tamen ne estas facile mezuri la kvoton de tiuj klientoj, kiujn la fervojo gajnas dank' al sia varbado. Ekzistas tro multe da nekonataj faktoroj, kiuj influas la enspezojn. Se la varbado eluzas la amasajn reklamilojn, povas esti alparolata granda nombro de eventualaj klientoj.
La publiko certagrade atentas la reklamadon de la fervojoj same kiel la varbadon por la turismo, kiu estas jam laŭnature alloga „produkto". Pruvoj por tio, ke la publikon sufiĉe multe interesas tiu reklamado, estas la petoj pri aldonaj informoj al la indikoj en la reklamiloj.
La fervojoj decidis pri la vojoj de la teknika kaj komerca transturniĝo, kaj tio tute transformos la stilon de siaj servoj, egale ĉu temas pri la rapideco kaj sekureco de la trajnoj aŭ pri la komforto kaj estetike formita salono. La varbado devos demonstri al la publiko novan imagon pri la fervojo, kiu estas transprenata volonte kaj restas konstante en la spirito.
Por la klientaro novaj avantaĝoj devas esti priskribataj, demonstrataj kaj enmemorigataj.
Tiu tasko estas vere tikla despli multe, ĉar post nelonge estos aplikataj verŝajne pli altaj tarifoj konformaj al la produktokostoj, kaj ankaŭ pro tio, ĉar la konkurso inter la transportentreprenoj fariĝos pli evidenta kaj la rivaleco sur la tereno de la varbado komencas plivastiĝi. Cetere la moderna aviado jam nun faras tre aktivan varbpolitikon, ĉar ĝi staras kvazaŭ inter du frontoj kaj devas batali ne nur kontraŭ la konkurenco de la aliaj trafikentreprenoj, sed ankaŭ kontraŭ la interna konkurso, kiu regas inter la diversaj flugkompanioj. Eble la malegaleco inter la varbinvestaĵoj de la transportentreprenoj fervojo kaj aviado regresos. Hodiaŭ la fervojoj elspezas por la varbado malpli ol unu procenton el la porfunkciaj elspezoj, dum la aviado kredeble jam atingis 5%.

(Kompil. de W. Barnickel
el „Intern. Eisenbahn-Nachrichten"
n-ro 21/65)

---

**VETERPROGNOZOJ PER SATELITOJ**

Fine de 1965 aŭ komence de 1966 la usona satelit-sistemo „TIROS" komencos elsendadi bildojn pri la nubo-stato super ĉiu punkto de la terglobo minimume unufoje tage. Ĝi orbitados en 113 minutoj je alteco de 1250 km. La informojn ricevados kaj analizos la tri interkonsentitaj Mondaj Meteologiaj Centroj, en Moskvo, Vaŝingtono kaj Melburno, tiel kunlaborante en la Monda Veterobservo. (Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA).

# „The Green Star" atestas pri Esperanto

Unu el la elstaraj punktoj de la 15-a Fervojista Kongreso en Stoke-on-Trent estis la inaŭguro de „Esperantoway" la 15-an de majo 1963.

Multaj kongresanoj ĉeestis la solenaĵon en kiu aktive partoprenis s-ro Bedow, la urbestro de Stoke-on-Trent kaj alta protektanto de la kongreso.

Esprimante simpation al la celo de la esperantismo, Lord Mayor speciale menciis la grandan meriton de Alderman Horace Barks, la prezidanto de L.K.K. kiu sukcesis persvadi la komunuman estraron nomi en Stoke-on-Trent la unuan Esperanto-straton en Britio.

Ankoraŭ dezerte aspektis la regiono en tiu solena posttagmezo, sed jam estis promesoj, ke laŭlonge de la nova strato aperos belaj loĝdomoj kaj ĉe la angulo de la granda trafikvojo Hanley Road iu belaspekta restoracio, kies ekstero kaj interno atestos pri lingvo de Zamenhof.

En la daŭro de sekvintaj monatoj la konstruaj laboroj iom post iom progresis. Novaj domoj aperis unu post aliaj laŭ la bone pavimita vojo.

Specialan zorgon dediĉis la arkitekto al la konstruaĵoj ĉe la angulo Esperanto-way-Hanley Road en kies fronta fasado aperis la nomo „The Green Star", dum




la flanka muro, kiu frontas al Hanley Road portas en grandaj blankaj literoj la surskribon „La Verda Stelo".

La ceremonia malfermo de tiu unua Esperanto-specimeno de la en Britio tre populara „pub" okazis la 26-an de no-



# Raporto pri la FISAIC-kongreso 1965 en Wengen (Svislando)

Tiu plej grava manifestacio de la internacia kultura organizo de la fervojistoj okazis inter la 10-12-a de septembro 1965 en Wengen, fama libertempejo en la Berna Alpa Regiono. Partoprenis 30 delegitoj el 13 landoj, el kiuj la plejmulto estis altranguloj de la diversaj ŝtataj fervojoj. Pluraj el ili estis akompanitaj de siaj edzinoj.
La vetero estis grandparte pluva. La montaro estis kaŝita en nebulo. Tamen, la ekskurso al la mondfama Jungfraujoch (plej alte situata fervoja stacio en Eŭropo, 3454 msm) fariĝis sukceso. Dum la suprenvetruado la kongresanaro spertis ankoraŭ ŝtorman neĝveteron, por multaj nekutima fenomeno en septembro, speciale por sudlandanoj. Sed tute supre, la nebuloj dividiĝis kaj lasis la elvidon libera al la monto Jungfrau kaj la tuta montara regiono, kiu brilis en majesta beleco.
La traktaĵoj en franca kaj germana lingvoj entenis i.a. la sekvantajn punktojn: superrigardo sur la internaciaj manifestacioj okazintaj dum la pasinta jaro, fiksado de ekspozicioj kaj aliaj internaciaj aranĝoj dum la venonta jaro, kontakto kun la turisma kaj sporta asocioj de la fervojistoj, kaj — tre grave — elekto de nova internacia prezidanto de FISAIC.
S-ro Mollion, la tre simpatia kaj ĉiam afabla fondinto de FISAIC jam havas 77 jarojn. Lia sanstato ne plu estas kontentiga, kaj pro tio li decidis demeti la funkcion de prezidanto. La esperantistaro ŝuldas grandan dankon al s-ro Mollion, kiu estis eminenta defendanto de la Zamenhofa idealo. Li multe kontribuis al plifortigo de la prestiĝo de Esperanto kaj de IFEF ĉe la fervojaj administracioj. Kun aplaŭdo li elektiĝis kiel honora prezidanto.
Kiel novan internacian prezidanton de FISIAC la kongreso elektis s-ron E. Schlesser, ĝeneralan sekretarion de la Luksemburgaj Fervojoj.
Inter la diversaj traktaĵoj, la kongresanoj aŭdis paroladon pri *la internaciaj transportfavoroj konsentitaj al la kulturaj kaj sportaj asocioj de la fervoja personalo*. Tiuj favoroj estas deciditaj de *U.I.C.* (Union Internationale des Chemins de fer), pli ekzakte de ĝia subgrupo *F.I.P.* (Favoroj en Internacia Transportreĝimo por la Personalo). Estas prezidanto de FIP la ĝenerala sekretario de la Svisaj Federaciaj Fervojoj, Dr. Britt. La paroladon faris la sekretario de FIP, s-ro Ott, ankaŭ altranga oficisto ĉe la SFF.
Oni konstatas ke laŭ la nun valida reglemento de FIP la delegitoj de FISAIC kaj USIC profitas de kromaj senpagaj biletoj kiam ili vojaĝas al internaciaj manifestacioj. Sed estas speciale menciate ke tia favoro ne estas aplikebla por IFEF, same kiel por FIATC (Fervojista Turismo) kaj la Abstinenculoj. Sinjoro Mollion respondis al la reprezentanto de FIP ke ĉiuj ŝatokupaj asocioj

---

vembro 1965 en ĉeesto de la urbestro de Stoke-on-Trent, urbaj konsilantoj kaj eminentuloj.
En la bele meblita „Ripozejo" esperantlingvaj surskriboj, sur pordoj kaj muroj, atestas pri la internacia lingvo. Lumigitaj verdaj steloj en la fronto de la vendo-tablo radiis gajan aspekton, kaj la montroŝranko kun gratulleteroj el multaj landoj, en kiu havis lokon ankaŭ sprita poemo de Marjorie Boulton, tiris la atenton de la multaj invititoj. Riĉe provizitaj teleroj kaj glasoj invitis al konsumado de ĉiuspecaj bongustaĵoj.
La urbestro de Stoke-on-Trent faris malferman paroladon, la prezidanto de IFEF gratulis en Esperanto kaj s-ro Barks havis la honoron verŝi la unuan bieron en arĝentan pokalon.
Post tio oni petis al la IFEF-prezidanto malkovri ĉe la ĉefa enirejo la belan ardezan Esperanto-stelon, kies oraj literoj donas informon pri la emblemo de Esperanto, kaj mencias detalojn pri la vivo de D-ro Zamenhof kaj pri liaj grandaj meritoj.
La televido, kiu sendis siajn funkciulojn, elsendis la tutan ceremonion dimanĉe vespere, kun klarigaj vortoj de s-ro Barks pri Esperanto.
En la vespero granda aro da vizitantoj multe interesiĝis pri la fremdlingvaj surskriboj sur muroj kaj pordoj, kiel ankaŭ pri la enhavo de la montroŝranko.
Sendube per ĉi tiu nekutima vojo Esperanto sin prezentas al publiko, kiun ĝi ĝenerale malfacila atingas.

de. J.

de la fervojistoj devus ĝui la samajn rajtojn. Tiun samrajtecon li ĉefe postulis por la esperantistoj. *Per fajra elokventeco sinjoro Mollion laŭdis la meritojn de la Esperanto-movado kaj li konsideris kiel malĵustecon la fakton ke la IFEF-kongresoj ne estas same favorataj kiel FISAIC kaj USIC.*
Sinjoro Ott, reprezentanto de FIP, respondis ke la unuopaj landaj administracioj estos liberaj konsenti sur sia propra retaro egalajn favorojn por ĉiuj internaciaj personal-organizaĵoj. FIP mem klopodos atingi egalan traktadon por ĉiuj personal-organizaĵoj plenumantaj kompareblajn kondiĉojn. Cetere *FIP ĝis nun ankoraŭ ne ricevis oficialan petskribon de IFEF por postuli kromajn transportfavorojn.*
Tuj post la debatoj la skribinto de tiu ĉi artikolo kontaktis kun s-ro Ott por informiĝi pri la irota vojo kaj por respondi al demando pri la strukturo de la fervojista Esperanto-movado kaj ĝia pozicio rilate al FISAIC. (Intertempe la oficiala petskribo de IFEF al FIP estas farita. S-ro Mollion, nuna honora prezidanto de FISAIC, aldonis rekomendan leteron por apogi la feton de IFEF).
La oficiala bankedo, dank'al zorgema preparo, fariĝis la plej brila aranĝo kiun mi iam vidis ĉe similaj manifestacioj. Tio nur estas ebla dank' al efika subteno flanke de la Ĝenerala Direkcio de la Svisaj Federaciaj Fervojoj, kiu mem estis reprezentata en la persono de D-ro John Favre, Ĝenerala Direktoro de SFF. Ĉeestis ankaŭ reprezentanto de la Divizio por la Personalo SFF, s-ro Fivian, aŭtoritatuloj kaj reprezentantoj de diversaj kulturaj societoj kiel ankaŭ la prezidanto de FIATC. La tuta manifestacio estis kvazaŭ mezurilo per kiu oni povis mezuri la altan estimon kiun FISIAC ĝuas ĉe la fervojaj aŭtoritatoj. IFEF ne preterlasu ĉiam pli dense kunlabori kun, aŭ en la kadro de, FISAIC.

H. Bipp
Vic-prezidanto de la Unuiĝo Arta kaj Intelekta de Svisaj Fervojistoj.

## Eŭropa sakturniro de fervojistoj

Antaŭ nelonge estis aranĝita en urbo Kecskemét la „Eŭropa Ŝakturniro de Fervojistoj", kion partoprenis la reprezentantoj de dekok landoj. Karakterizis la konkuron granda, altnivela kaj nobla luktado.
La loka ĵurnalo „Petőfi Népe" salutis esperantlingve la partoprenintojn, inter kiuj estis ankaŭ esperantistoj. Pruvas la praktikecon de lingvo Esperanto, ke la mallongan salutfrazon komprenis ankaŭ la neesperantistoj.
La fina vicordo kaj la akiritaj punktoj estis inter la ĉeestintaj landoj:

| | | |
|---|---|---|
| 1. | Sovetunio | 180 |
| 2. | Bulgarujo | 161 |
| 3. | Rumanujo | 155 |
| 4. | Hungarujo | 144 |
| 5. | Ĉeĥoslovakujo | 141 |
| 6. | Germana D.R. | 126 |
| 7. | Pollando | 120 |
| 8. | Germana F.R. | 116 |
| 9. | Svedujo | 109 |
| 10. | Aŭstrujo | 105 |
| 11. | Norvegujo | 92 |
| 12. | Finlando | 80 |
| 13. | Nederlando | 71 |
| 14. | Luksemburgo | 60 |
| 15. | Svisujo | 51 |
| 16. | Francujo | 47 |
| 17. | Danlando | 42 |
| 18. | Belgujo | 32 |

## Iluzio kaj realo

(pri Vjetnamio)

*Apenaŭ silentiĝis la sonoroj*
*De l' paca Kristonaska festvesper'.*
*Ankoraŭ dolĉe vibras en la koroj*
*La kanto: „Estu paco sur la ter'!"*

*Sed superbruas ĉion tondraj sonoj;*
*Tumulto krake muĝas sur la ter'.*
*Teruron, morton vomas la kanonoj.*
*Eksplodas blasfemante la infer'.*

*Apenaŭ pasis for malnova jaro,*
*Lasante nin en zorgoj kaj ĉagren'.*
*Senĝoje homo pensas pri eraro*
*Aŭ malprospero malgraŭ forta pen'.*

*Sed ĉio nia estas bagatelo*
*Kompare kun la neindulga sort':*
*Ke homoj homojn buĉas kun kruelo,*
*Mokante pri funebro kaj pri mort'.*

*Apenaŭ komenciĝis nova jaro,*
*Ni flatas nin per nova bonesper',*
*Ĉar estas la fatalo de l'homaro:*
*Vivadi iluzie, en ĥimer'.*

*Sed ve, fantome premas super mondo*
*Terura perspektivo de batal'.*
*La teron kvazaŭ superverŝas ondo*
*De sango, fajro, pulvo kaj metal'.*

G.J.D.

# Stranga sperto

La Esperanto-rondeto ĉe Uzina klubo de Ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj (ČSD) en Havlíčkuv Brod organizis okaze de la Tago de ĉeĥoslovakaj fervojistoj (ĉiujare en septembro) kaj honore al la Jaro de internacia kunlaboro ekspozicion sub ŝanĝita devizo „La fervojoj eksterlande kaj ĉe ni". Oni dissendis alvokon al kunlaboro al ĉiuj landaj asocioj de IFEF, krome al 43 ĉefdelegitoj de UEA kaj perantoj aŭ fakdelegitoj en tiuj landoj, kie ne ekzistas IFEF-asocioj, fine ankaŭ al pluraj pli malpli konataj geamikoj. La alvokon presigis ankaŭ kvar plej disvastigitaj revuoj, nome „Esperanto", „Bulgario", El popola Ĉinio" kaj „La internacia fervojisto". La gvidantaro de la klubo kaj rondeto fidis tiurilate la internacian solidarecon de nia samideanaro, speciale kompreneble tiun de la landaj asocioj de IFEF, kies plej „juna" ano fariĝis nialanda fervojistaro nunjare. Do oni kalkulis kun *tute certa* helpo el 18 landoj. Kaj la rezulto? El la asocioj kontribuis — kelkaj el ili nur ricevinte la duan alvokon — la duono, du sciigis, ke ili ne havas tiuspecan materialon. El la ĉefdelegitoj kaj perantoj de UEA nur unu kun entuziasmo subtenis la aranĝintojn, instiginte sian landan fervojadministracion sendi materialon mem. Li estis s-ro C. Beckford en Sudafriko, kiu eminente meritas la publikigon de nia sincera danko. El la ceteraj nur s-ano C. Milkuschutz en Argentino sciigis nin, ke li ne povos akiri deziratan materialon. El la delegitoj ricevu nian koran dankon s-ro O. Ginz en Israelo, kiu akiris tre interesan materialon same senpere de sialanda fervoja administrejo.

*La jugoslavia angulo*





*Ĉeĥoslovakio*

Plue sendis kontribuaĵojn s-ano L. Silva el Brazilo kaj s-ro W. H. Schulze el Usono. Saluton sendis la delegito s-ro Khwat Liat Kho el Indonezio. Do kun granda peno ni sukcesis montri materialon el 20 landoj. Nu, ni estu kontentaj ankaŭ per tiu ĉi rezultato, sed tamen estas meditinde, kial nur tiom malmulte da samideanoj, ja ankaŭ funkciuloj de internaciaj organizaĵoj ne uzis tiun ĉi okazon por dokumenti la praktikan uzeblecon de nia ofte de ili mem tiom entuziasme propagandata internacia lingvo kaj de ĝia alta morala ideo de solidareco. Kiel elstare kontraŭas tiun ĉi malatenton la alsendo de materialo el Vjetnamo, kies s-anaro en la tempo de teruraj suferoj kaj oferoj tamen ankaŭ montris la komprenon por subteni nin! Nu, karaj tutmondaj samideanoj, ne riproĉu nin pro tiu ĉi kritiko. Ni konscias, ke en la nuna mondo ni ĉiuj havas multege da aliaj zorgoj, taskoj, kromokupoj kaj cetere, se ĉiu rondeto postulus vian helpon, kiel ni turnis nin al vi kun espero, vi devus fari nenion alian, ol akiradi — certe ofte ne tro facile — tiuspecajn materialojn. Sed certe vi ne neos, ke skribi sur belan bildkarton nur unu vorton, nome: „Sukceson!" kaj la subskribon certe ne estus forrabinta de vi neofereblan liberan tempon. Kaj imagu al vi la fortegan impreson, se ni estus povintaj ekspozicii la abundegan salutaron el pli ol 60 landoj!
Sed ni do estu kontentaj ankaŭ nur kun tiuj 20 landoj, kiuj estis reprezentitaj en nia ekspozicio, okazinta de la 24.9. ĝis 4.10.-65. Ĝi ja tamen montris la praktikan uzeblecon de nia lingvo. Ni menciu fiere, ke kelkaj fervojaj altranguloj admiris la eblecojn, kiujn donas Esperanto, per kiu ni akiris materialon normale nericeveblan. Do ni povas diri, ke eĉ se la ekspozicio estus meritinta pli da atento de nia loka fervojistaro, ni opinias, ke ĝi plenumis sian celon. Ni uzas la okazon por danki ankaŭ al la estraro de la Uzina klubo, kiu malavare subtenis nian laboron kaj kiu ĝojas kune kun ni pro la bona sukceso. Ni dankas kore al ĉiuj asocioj, kiuj helpis nin speciale al niaj italaj kolegoj ni bondeziras pro la sukceso ĉe la Trafikministerio, kiu sendis al ni tre interesan materialon. La anoncitan premion por plej belaj kontribuaĵoj gajnis: Francujo, Italujo, Sudafriko, Svislando, Vjetnamo. Kelkaj pluaj ricevos albumon kun fotografaĵoj de nia ekspozicio.
Pri la ekspozicio raportis tri regionaj nacilingvaj gazetoj. La rondetestro

## Sukcesplena provo de nova Ĉeĥoslovaka lokomotivo en SSSR

Sur la fervojlinio de Rostov/Don — Kavkazskaja, estas nun jam dum kelkaj monatoj centro de atento, la nova elektra lokomotivo por alterna kurento, de tipo ĈS 4 — 001 kiun oni ĉi tien transportis kun la celo ĝin elprovi. La fervojistojn interesas ĉefe teknikaj parametroj, sed la aliulojn la moderna aspekto, kiun al la maŝino donas karoserio fabrikita plene el artefarita materialo t.n. „laminato".
Da tiaj lokomotivoj oni fabrikos kaj transportos kelkajn centojn por sovetaj fervojoj ĝis jaro 1970 de la lokomotivuzino de V.I. Lenin en Plzen.
Ĉe la unua lokomotivo la sovetaj fakorganoj kaj teknikaj spertuloj de la Fervojista Eventinstituto detale provas la solidecon de ĉiuj lokomotivaranĝoj kaj ekipo. Ĝis nun oni trovis neniajn mankojn teknikan aŭ aliajn.
Post la soloveturaj provoj estis la nova lokomotivo alligita al la persona rapidvagonara garnituro kun kiu ĝi atingis la plej altan mezgradan rapidecon en la historio de tiu ĉi trajnlinio.
Tiun ĉi sukcesan atingaĵon ebligas ĉefe motoroj kun suma kapacito de 7.000 ĉevalforto. Ĉi tiuj motoroj ebligas atingi mezgradajn altajn rapidecojn eĉ dum veturado sur grandaj liniodeklivoj.
Nun la kompetentaj fakorganoj kaj funkciuloj de la sovetaj fervojoj en Moskvo intertraktas kun la ĉeĥoslovakaj reprezentantoj pri nova mendo fare de lokomotivuzino de V.I. Lenin en Plzen rilate tute novan elektran lokomotivon konstruota por kontinua kurento kiu povus atingi maksimuman rapidecon de 200 km pohore.

(Trad. Ružička V. - Děčin)

---

## Al la prezidanto de IFEF

Tre estimata kolego kaj amiko!
Finfine ni povas anonci al vi, ke la planita terminareto troviĝas en la kompostejo. Ni aranĝis ĉion tiamaniere, ke ĝi povos aperi antaŭ la 18a kongreso. Ĝi do estos antaŭvideble aĉetebla en Utrecht. La amplekso tre verŝajne estos 72 paĝoj. Ĝi estos presita en bone legeblaj literoj simile al tiuj de „Germana Esperanto Revuo".
La financado estos certigita, kiel ni promesis antaŭ jaroj. Tamen ĉiu homo povas imagi, ke intertempe la kostoj treege plialtiĝis. Nia kultura organizajo BSW protio afable same plialtigis la siatempe promesitan sumon, kiun ĝi bonvolis pruntedoni al ni kaj per kiu ni grandparte povas provizore pagi la kostojn. Kompreneble ni devos repagi ĉi tiun monon al BSW. Ni esperas, ke la eldonkvanto de 1000 ekzempleroj ne tro longe kuŝos nevendita, ĉar aliakaze ni ne povus repagi ĉion. Por ne esti tro rigore ligita, ni fiksis la prezon je 6.— G.M.
Kun niaj sinceraj kaj kolegaj salutoj al la estraro

tre kore via
Joachim Giessner

## „Vidado" per ultra-sonoj: Usona eksperimento

Rimedo por „vidi" en mallumo per ultrasonoj, simile kiel faras vespertoj, eble povos helpi al blinduloj. Lastatempe pristudis ĝin usona inĝeniero, s-ro Ralph C. Beil. Li volis eltrovi, ĉu homoj povas sub difinitaj kondiĉoj percepti sonojn, kiujn normale ili ne kapablas aŭdi: nome, sonoj kun frekvenco de pli ol 18000 cikloj sekunde. Kutime plenaĝaj homoj povas aŭdi sonojn nur ĝis la frekvenco de ĉ. 16000 c/s.
La gepartoprenantoj de la eksperimentoj de s-ro Beil sidis kun kovritaj okuloj en ĉambro speciale aranĝita por ensorbi ĉiujn sonojn krom ultrasonojn. Speciala aparato elsendis la ultrasonojn kontraŭ diversaj objektoj, kiujn la partoprenantoj devis diveni. Eĥoj de la ultrasonoj ebligis al ili konstati la ĉeeston eĉ de malgrandaj objektoj kaj taksi distancojn ĝis ĉ. 3 metroj. Ili sukcesis ankaŭ taksi la grandecon de la objektoj kaj distingi inter mano pugna kaj mano malfermita.
(Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA).

**Ĉion, kio koncernas la revuon, ankaŭ la interŝanĝnumerojn, sendu al la redakcia adreso: Burgler, Amsterdam, Sportstr. 62.**
**Tro da tempo perdiĝas pro malĝusta adresigo.**



Esperanto - Presejo, Hardinxveld.